# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 378 (marto-aprilo, 2007)

**Ĉefredaktanto:**
Jorge Pavón

**Kunlaborantoj:**
Antonio del Barrio,Augusto Casquero,Vincente Hernández Julio Herrero, Raul Martínez, Alejandra Paz (Xana), Lupe Sanz, Rafaela Urueña


bulteno@esperanto.es
Calle Juliana nº4
El Escorial (Madrid) 28280



Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Tel (34) 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961



Presejo: Gráficas Aurora. Zaragoza
DL- Z- 334-90

## Prezento



Jam en majo estas taŭga tempo komenci plani la someron. Nia e-panoramo buntas tiam je aktivaĵoj por ĉies preferoj.

De la 5a ĝis la 8a de julio, en Palos de la Frontera (Onubo), ni havas la perfektan ŝancon ĝui esperantisman etoson ĉe la 66a Hispana Kongreso, kiu koincidas ĉi-jare kun la Andaluza. Juna partopreno antaŭsenteblas pli abunda dank' al nova generacio de andaluzaj samideanoj . (paĝoj 31-32)

Iom poste, de la 16a ĝis 22a, la junulara sekcio de KEA, kunlabore kun Varsovia Vento proponas en Alakanto internacian tendumadon kie eblos " festi, ripozi, plonĝi en la riveron, plaĝumi, ekskursi tra belaj pejzaĵoj," (ret-adreso www.esperanto.cat/spr )

Septembre, la 8an kaj 9an okazos la 6aj Someraj Dialogoj en Monistrol de Montserrat, organizita de Barcelona Esperanto-Centro.

Kaj por fini, se estas ankoraŭ fortoj, semajnon povos pasigi ĉe Tossa de Mar, de la 29a de septembro ĝis la 6a de oktobro.

Nu, post tiuj ĉi prezentoj elĉerpiĝis la spaco por nia enkonduko, sed multaj interesaj temoj sekvas. Plaĉan legadon ni deziras!

# Enhavo



## Shakira triumfas en *Youtube.com*

Pli ol 570.000! homoj spektis la videon *Hips don't lie* (La koksoj ne mensogas) kun subtekstoj en esperanto. La tradukon faris José Rodriguez kaj Alejandro Gárgoles. Kelkaj spektantoj surpriziĝis kaj faris komentojn. Bonega ekzemplo de nerekta propagando!



Shakira, famega pop-kantistino el Kolombio (Wikipedia)

## Originala versio subtekstigita

Ekzistas grupo de uzantoj de tiu paĝaro, inter ili kelkaj HEJS-anoj, kies celo estas aldoni esperantajn subtitolojn al filmetoj nacilingvaj. Ĝis nun estas 59 videoj. Por aldoni substekstojn estas sugestita uzi programon kiel *Subtitle Workshop* por la tekstoj kaj *VirtualDubMod* por kunmeti ilin en la videon. Estos baldaŭ pliaj klarigoj legeblaj en la ret-paĝo.

http://youtube.com/group/esperante



# Asamblea General

Konforme al nia statuto, la HEF-Prezidanto alvokas ĉiujn membrojn al la Ĝenerala Kunsido okazonta en Casa de la Cultura de Palos de la Frontera (Huelva) la sabaton 7an de Julio, je la 10,00 horo, kadre de la Hispana Kongreso de Esperanto, por pritakti jenan tagordon:

1.- Aprobo de la protokolo de la antaŭa kunsido.
2.- Informo pri membraro.
3.- Komentoj pri la konto-stato kaj agadraporto de la jaro 2006, jam aprobita en la antaŭa kunsido.
4.- Demandoj, petoj kaj proponoj

La Prezidanto
Augusto Casquero

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

En conformidad con nuestro estatuto, el presidente de la Federación Española de esperanto convoca a todos los socios a la Asamblea General en la Casa de la Cultura de Palos de la Frontera (Huelva) el sábado 7 de julio a las 10:00 horas por la mañana, dentro del Congreso Español para tratar los siguientes puntos:

1.- Aprobación del protocolo de la asamblea anterior
2.- Información a los socios
Comentarios sobre el estado de las cuentas e informe de actividades, ya aprobado en asamblea anterior.
4.-Ruegos, preguntas y propuestas

El Presidente

Augusto Casquero

## Kelkaj Gravaj retlistoj

Ĝenerala informo pri la movado
groups.google.com/group/soc.culture.esperanto/topics

Iberia Esperantistaro
es.groups.yahoo.com/group/iberia-esperantistaro/

Grupo de HEF por informi sian anaron:
es.groups.yahoo.com/group/hef-anaro

Aktivuloj de HEF
es.groups.yahoo.com/group/HEF-Esperanto-aktivado/

## Erar-agnoskejo

En la 11a paĝo de la antaŭa numero aperas erare ke HEF ne ricevis la pagon de J.M. García Iturrioz. Fakte li pagis en la momento de la aĉeto Ni pardonpetas pro la miso.

# Leteroj de la legantoj



Kara samlingvano:

Mi legis la artikolon "Prelego pri Esperanto en la Civila Milito".
Mi kredis kaj ankoraŭ volas kredi je la esperanta himno kiam parolas pri "sub neŭtrala lingva fundamento" sed artikoloj kiel la dirita en ŝajnas partopreni je la vortoj de la himno.

Oni konsideras la Civilan Militon laŭ la vidpunkto de la respublikana aŭ ruĝa registaro.

Kiam mi esprimas libere mian penson, tute kontraŭa, dirante ke Franco estis la savinto de Hispanio nur mi riparas la ekvilibron kiu devus regi inter esperantistoj. Mi esperas ke tiu letero estos publikigata. Se ne estas tiel mi devos rekonsideri esti membro de ne neŭtrala asocio. Se ne eblas esti esperantisto kaj "frankisto" mi forigos la unuan karakteron...

Vicente Martorell

---

Estimata leganto:

Hispana Esperanto Federacio ja apartenas al la tiel nomata ' neŭtrala movado'. Tio signifas, ke ni nek enmiksiĝas en politikaj aferoj nek propagandas ion alian ol la lingvo esperanto. Fakte, laŭ mia kono estas tiom da malsamaj opinioj en HEF kiom da homoj. Boletín estas revuo malfermita al ĉiuj esperantistoj kiuj havas ion dirindan. Ni rifuzus, tamen, artikolojn kun politika aŭ ofenda intenco. En la kolofono aperas la indiko "Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj" Tio estas logila sekvo de tio, ke la redaktado de Boletín fareblas nur per komuna laboro de diversaj homoj. Mi invitas vin relegi pasintajn numerojn kun tiu ideo en la kapo. Krome, la menciata artikolo estas inkludita nur pro la intereso de la temo mem, ne pro ajna alia kialo

Post tio, mi nur volas klarigi, ke la nova artikolo de Antonio del Barrio ne estu rigardata kiel respondo al via letero, ĉar li hazarde skribis ĝin sen kono pri via reago.

La ĉefredaktisto

## Boletín en *www.lernu.net*

De antaŭ pluraj montatoj estas legebla informo pri nia organo ĉe *lernu.net*, kun ekzempla numero. Tiamaniere ni diskonigas nian revuon kaj asocion. Sekva paŝo estos meti prov-numeron ĉe *amikumu.com*

# Estrarkunveno de HEF **2007-02-26**

Okazis la 26an de februaro, en la sidejo de HEF je la 18,00 h ĉestis:Estraranoj: Carmen Suárez, Pedro Garrote kaj Jorge Pavón. Ne estraranoj: Alejandro Pareja, Ana Manero, Darío Rodríguez, Manolo Parra kaj Jaime Vinielles.

1.Kasisto (Informas Pedro Garrote)

➢Anstataŭ partopreni en *Expolingua*, oni aprobis konton kun 500 eŭroj, entute, kies celo estas helpi al la grupoj en ties partopreno en foiroj kaj ekspozicioj. Por ke la grupoj povu ricevi la subvencion, oni devas plenumi la jenajn klaŭzojn:

1.- La grupoj devas esti paginte la kotizon kiel membro de HEF.

2.- La grupoj devos liveri al HEF la fakturon de la elspezoj kaj se eblas ĝi devas esti je la nomo de HEF.

3.- En ĉiu evento (foiro, elspozicio) oni subvencios (pagos) nur unu fakturon.

4.- Se la petita sumo, nome de kelkaj grupoj, superas la buĝetitan ciferon, HEF dividos la monon inter ĉiuj grupoj, konsiderante ties respektivajn elspezojn.

5.- Se kelkaj esperantistoj ne leĝe registritaj kiel grupo, partoprenas en aktivaĵoj kiuj meritas helpon, ili rajtos profiti el la subvencio laŭ la sama kondiĉoj kiel la registritaj grupoj.

6.- Je la fino de la jaro, HEF pagos al la grupoj la respektivan sumon.

2.Kontoj

➢Estas aprobitaj la kontoj de 2006

3.Sekretario (Informas Carmen Suárez)

➢*IBI*. Ankoraŭ HEF ne ricevis la leteron de *Agencia Tributaria.*
(HEF atingis "exención de impuesto de bienes inmuebles" rilate nian sidejon).

➢ ONO: Ni atendas respondon de *Oficina del Consumidor*
(Por atingi malabonon, post sendi *burofkason*, leteron, ktp. ni petis "conciliación" ĉe la Oficina del Consumidor. Ni atendas respondon. *Ono* reklamis jure fakturon de aŭgusto).

➢Anstataŭ Pedro Garrote estos **Ana Manero** , kiel Bibliotekistino de HEF kiu okupiĝos pri la pretigo elektronike de la kompleta kolekto de Boletín

2. Petoj kaj demandoj

➢Oni aprobis ke la Prezidanto devas paroli kun Kultura Asocio-Esperantisto, kiu estas Dumviva Membro de HEF (kategorio kiu ne aperas en la lastaj estatutoj), ĉar ne estas logike ke Grupo estu Dumviva Membro.

Resumis la sekretariino

# Raporto pri aktivaĵoj en 2006 (resumo)

**1.** Sekretario

1.1. Administrado de kotizoj kaj organizado de servoj. Perado inter membroj kaj aliaj esperantistaj organizadoj en la internacia sfero.

**2.** Eldonoj

2.1 HEF eldonas, 5-foje jare, sian informan organon *BOLETÍN*. Per ĝi oni informas pri la eventoj ĉirkaŭ Esperanto kaj pri la lingva problemo ene kaj ekstere de la lando. Anoj de la Federacio ricevas ĉi tiun revuon senpage.

**3.** Kongresoj

3.1. Organizado de la 65a Hispana Kongreso de Esperanto en El Puig de la 21a ĝis la 25 de julio, kunlabore kun la urbestraro de El Puig (Valencio).

3.2. Partopreno en diversaj eventoj kaj esperantistaj aranĝoj: Universala Kongreso en Florenco (Italio), Internacia Junulara Kongreso en Sarajevo, "Atlantika Plonghado" en Areia Branca (Portugalio) kaj Internacia Semajno de kulturo kaj Turismo en la Pineda Vila Seca (Tarragona)

**4.** Kursoj

4.1 Perkoresponda kurso

4.2 Ĉeestaj kursoj gvidataj de niaj membroj en diversaj hispanaj urboj.

4.3 Seminario en la Universitato de La Laguna 30-horojn longa "Enkonduko en esperanto kaj en ties kulturo".

4.4 Kurso el 45 horoj ĉe Universidad del País Vasco (Bilbao) kun studa valoro de 4,5 kreditoj

5 Kunlaboro kun oficialaj kaj privataj organizaĵoj

5.1 Nacia Hispana Komisiono pri kunlaboro kun UNESCO. La Federacio sendas regule al tiu institucio informon pri siaj aktivaĵoj kaj estas je ĝia dispono por eblaj kunlaboroj en sia kampo.

5.2 Studentoj: HEF kunlaboras kun studentoj kiuj, por fari tezon aŭ esploron, bezonas informon pri la lingvo aŭ pri la esperantista movado laŭ lingvistika aŭ histori-socia vidpunkto.

**6.** Diskonigo

6.1. Prezento de la libro "El hombre que desafió a Babel" (La homo kiu defiis Babelon) ĉe Librejo Muga en Madrido (10a de marto).

6.2. Ĉe la universitato por emerituloj de Valladolid, Dr-ino Rafaela Urueña prelegis pri “ Esperanto ekde ĝiaj originoj ĝis la 21a jarcento” (13a de novembro).

6.3. Ĉe la universitato por emerituloj de Valladolid “ Esperanto, facila kaj fleksebla lingvo”, fare de Pedro A. Garrote (20 novembro).

6.4. Prelego fare de Antonio Valén en la biblioteko de la fakultato pri filozofio ĉe la Universitado de Oviedo “Procedo de tradukado de Don Quijote de la Mancha al esperanto”.

3.5. Librotago. “Círculo de Bellas Artes” (Rondo de Belarto) de Madrid. Partopreno en la kolektiva legado de “El Quijote” kun fragmentoj en esperanto legitaj de du membroj de HEF.

3.7. HEF konstante kontribuas en la diskonigado de la Manifesto de Prago, dokumento kiu montras la principojn de la esperanto-movado.

## 4. Donacoj

4.1. Ekzemplero de “Gran Diccionario Español-Esperanto” al la publika biblioteko de Cuenca.

4.2. Ekzemplero de “La Inĝenia Hidalgo Don Quijote de la Mancha” al la Muzeo Don Quijote de Ciudad Real (Reĝurbo).

## 5. Amaskomunikiloj

5.1. Regule, la Federacio sendas raportojn al la ĉefaj ĵurnaloj kaj novaĵagentejoj pri la plej gravaj okazintaĵoj en Hispanio kaj eksterlande rilate al esperanto kaj la lingvajn problemojn.

5.2.Diversaj ĵurnaloj kaj gazetoj aperigis informojn senditajn de HEF.

## 6. Interreto

6.1 HEF havas informajn paĝojn en Interreto en la hispana kaj en la internacia lingvo pri siaj aktivaĵoj. Per la ret-paĝo alierblas al paĝoj kun utila informo (www.esperanto .es) En 2006 Hispana Esperanto Federacio akiris tiun domajnon.

## 7. Perado de revuoj

7.1. HEF peras la abonon de diversaj revuoj en la tuta mondo.

## 8. Bibioteko Juan Régulo Pérez

8.1. Malferma al la ĝenerala publiko kaj konsultebla de ĉiuj homoj. Ekzistas prunto-servo por la membroj de HEF. La biblioteko kompletiĝas per ampleska kolekto de artikoloj pri esperanto kaj la lingva problemo ĝenerale kiuj aperis en diversaj presaĵoj, kaj fotografioj donitaj de la anoj pri rilataj aktivaĵoj. La katalogo baldaŭ videblos en la

Reto. Dum 2006, la biblioteko akiris 160 novajn ekzemplerojn.

**9.** Aliaj aktivaĵoj

9.1. Miguel Gutiérrez, HEF-ano estas samtempe membro de la Akademio de Esperanto, internacia institucio kiu okupiĝas pri protektado kaj konservado de la lingvo akorde kun ĝia Fundamento, gvidi ĝian evoluon, esplori lingvistikajn aferojn kaj kritiki literaturon laŭ lingva perspektivo.

9.2. Multaj hispanaj esperantistoj kutime kunlaboras en internaciaj revuoj eldonitaj en esperanto.

9.3. Okaze de la vizito de Benedikto la 16a al Valencio, esperantistoj partoprenis kiel volontuloj

Konsiderante tiun ĉi tiun raporton pri aktivaĵoj, ni konkludas, ke la plenumo de nia status-celoj estas kontentiga.

Carmen Suárez, sekretariino





# Loka agado

## Madrido

Alejandro Pareja laŭtlegis esperante ĉirkaŭ 300 vortojn de Don Kiĥoto en *Círculo de Bellas Artes* de Madrid. Okaze de la librotago,la 23an de aprilo la verko estas voĉlegata senpaŭze de volontuloj.




## Malago

La pasintan 20an de februaro ili ricevis en sia klasejo de la Lernejo *Al-Andalus* la viziton de s-ano John Gobourne, brita esperantisto, aktiva membro de EEU (Europa Esperanto-Unio) kaj akurata kongresano de la lastaj Esperanto-Kongresoj en Andaluzio.Dum lia cheesto en la klasejo oni projekciis la filmon "Gerda malperis" al kio sekvis kolokvo.

La 17an de aprilo oni projekciis en sia klasejo la filmeton “La revo de Koffi”, okazinta en Lomé, Togolando.

La 24an de aprilo ili ricevis la viziton de Annie, franca esperantistino, al kiu akompanis ŝia edzo Jacques Merlaud kaj ilia 15jara filino Elodie, kiu lernis esperanton dum staĝo. Krom babilado kaj praktikado kun la gelernantoj oni projekciis la filmon “Espere despere”, tri unuaktaj dramoj pri nia lingvo 110-jara.

La biblioteko de AEU (Andalucia Esperanto Unuiĝo) en Malago ekis la projekton pri deponrajto laŭ la sistemo KIBS (Komuna Integrita Biblioteka Sistemo en esperantio), iniciato de la Esperanta Civito.Surbaze de tio, anstataŭ havi la materialon hejme enpakita, ili deponos la esperanto-bibliotekon en loka Biblioteko kiu akceptas la deponrajton kaj per tio ili profitos el la katalogsistemo kaj fizika spaco de tiuj institucioj.

Informis Julio Herrero

## Kastilio-Manĉo

La pasintan 14an de marto, Arturo Jimenez prelegis en la Universitato de Kastilio-Manĉo invitita de la Fakultato pri Lingvistiko. Ĝi estis ege interesa kaj amuza prelego, kaj tie troviĝis multe da spektantoj. Temis pri Esperanto , lingvistike, historie, en Hispanio, ktp. Ili kunportis kelkajn esperantaĵojn, brosurojn, librojn... Kaj poste la publiko faris kelkajn interesajn demandojn.

La loka asocio AME-EMAS malfermis etan bibliotekon kaj libroservon, kiuj estas ankoraŭ malgrandaj sed multe interesis al la socianoj.

La 5an de majo ili planis partopreni en la Reenkontiĝo de Popolaj Universitatoj, en Reĝurbo (Ciudad Real), pere de la urbestraro de Montjelo (Montiel).

Informis Raul Martínez

## Katalunio




La 1an de aprilo, la festo de Palmoj , la pastro de la Katedralo “Sankta Familio” bondeziris ankaŭ en esperanto. Grupo de esperantiston montris afiŝojn kun la leteroj de “esperanto”




Informis grupo Aŭrora

# Forpasis samideanoj

## Juan Navareño

Fine de marto forpasis Juan Navareño Fernández, kutima ĉeestanto de la lundaj konversaciaj rondoj de MEL. Kiel profesia fervojisto li partoprenis en mulktaj e-kongresoj de la internacia esperanta fervojista asocio. Ĉe *Club Amigos de Unesco* de Madrido li instruis esperanton dum kelkaj jaroj. Pace ripozu.

Lupe Sanz-Bueno

## Antonio González

La 31an de januaro ĉi-jara forpasis en Torokso (Malago) nia samideano Antonio González Álvarez, kvankam li ankoraŭ estis juna (49 jaraĝa).




Antono (dekstre) kaj Julio Herrero (maldekstre) pozis por diskonigi blok-domon kun la nomo Esperanto.

Antono (AGA por kiuj lin konis) lernis esperanton meminstrue per la metodo "Junulkurso". Li aliĝis al AEU en 1985 kaj unu jaron poste li subskribis kontrakton kun la pola vojaĝagentejo Esperantotur kiu ebligis ke milo da poloj, en malfacilaj jaroj, venis al Torokso por turismi. Li estis la ĉeforganizanto de la Andaluzia Esperanto-Kongresoj de la jaroj 1987a, 1989a, 1990a kaj 1991 okazintaj en Torokso. Dank' al daŭra kontakto kun la urbestro, Antono sukcesis atingi la nomon Esperanto por Avenuo de sia vilaĝo apud la maro, kies inaŭguro okazis dum la 5a Andaluzia Kongreso de Esperanto en 1987. La blok-domo kie li loĝis ĝis sia morto nomiĝas Esperanto pro la instigo de Antono al la konstruinto kaj interkonsente kun la najbaraj kunloĝantoj.




En la inaŭguro de la Avenuo Esperanto en Torokso. Antono aperas stare tenanta la esperantan flagon

Julio Herrero

# Esperanto en historia libro

La esperantisteco de du pioniroj de nia lingvo estas inter la biografioj aperintaj en ĵus eldonita libro. Temas pri: "Las raíces del árbol en el exilio. Las biografías de los consejeros del primer Gobierno de Euzkadi", de Aitziber Lekuona Ilundain kaj Iñaki Garrido Yerobi, ankaŭ eldonita en la eŭska lingvo kun la titolo "Arbolaren erbesteko sustraiak. Euzkadiko lehenengo Jaurlaritzako burukideen bizitzak". La eldoninto estis la Vaska Instituto de Publika Administrado (IVAP-HAEE).

Kiel oni povas dedukti, temas pri du el la membroj de la unua vaska aŭtonoma registaro, tiu enpostenigita dum la hispana milito. La du esperantistoj estis Juan Gracia Colás kaj Santiago Aznar Sarachaga, ambaŭ anoj de la Socialista Partio. Ambaŭ estis ankaŭ omaĝitaj en oktobro, koincide kun la datreveno de la formiĝo de la registaro, kaj en la oficiala komuniko de la nuna registaro, la ligiteco kun Esperanto de Gracia estis aparte reliefigita.

Pri la rilato de Gracia al Esperanto mi jam rakontis en prelego en la Eŭropa Esperanto-Kongreso de Bilbao (oni povas trovi ĝin en la reto en la adreso: *http://personal.telefonica.terra.es/web/tdb/gracia.htm*). Detalojn pri tiu agado mi havigis al la aŭtoroj de la citita libro, kaj ili aperas en la paĝoj 85 kaj 86.

En la kazo de Santiago Aznar, kiu estis malpli konata, la fonto de la informoj estis membiografia noto, kiun li verkis fine de sia vivo. En tiu membiografio, kiu ja estas tre mallonga, aperas tamen tre elstare lia enĝaĝiĝo rilate al Esperanto, fakte kiel unu el la ĉefaj agadoj de lia junaĝo. Mi tradukas laŭlitere (inklude de la triapersona stilo):

> *(ĉirkaŭ 1917 li komencis) noktan kurson por studi Geometrion, Aritmetikon kaj Algebron en la Lernejo de Artoj kaj Oficoj de Achuri dum pluraj jaroj. Poste li daŭrigis en la sama centro lernante lingvojn. Li amikiĝis kun la jezuito sinjoro Félix Díez Mateos, profesoro de lingvoj de la Universidato de Deusto, kiu estis entuziasma esperantisto, kaj li studis tiun ĉi internacian lingvon kaj sekve* instruis *kurso*n *de Esperanto en la Centro de la Sindikatoj de la U.G.T., en la strato de San Francisco.*

Tiu teksto estis la bazo de la informo en la paĝo 90a de la libro, kaj ĝin havigis al mi kaj ankaŭ rekte al la verkintoj de la libro, lia bonepo. Tiu ĉi estas la tre konata politikisto Iñaki Anasagasti, kiu ankaŭ verkis diversajn librojn pri tiu pasinta periodo.

Santiago Aznar estas konata en la historia kampo ĉar li estis la unua kiu proponis kaj konvinkis sian partion, ke oni uzu oficiale la nunan vaskan flagon (*ikurriña*), kiu antaŭe estis nur la

simbolo de la naciistoj. Li ankaŭ ĉefrolis en krizo inter la socialista gvidantaro kaj la naciistoj, ĉar li apogis tiujn ĉi, anstataŭ sian partion en la postmilitaj kvereloj. Li ekziliĝis en Venezuelon, kie li mortis, kaj Anasagasti rakontis al mi ke li neniam forgesis sian esperantistan aktivadon, kaj tion li rakontadis al sia familio, kvankam li ne plu aktivis movade.



Santiago Aznar laboranta

Fine de la pasinta jaro la nomon *Santiago Aznar* ricevis strato en Bilbao.

José Antonio del Barrio

**84.000 ARTIKOLOJ JAM EN NIA VIKIPEDIO, GRATULON AL LA SENLACAJ REDAKTANTOJ!**
eo.wikipedia.org

## Esperanto partoprenas projekton pri komputika tradukilo

La entrepreno ABC Enciklopedioj S.L. kaj la Universitata Instituto pri Aplikita Lingvistiko, ligita al la Universitato Pompeu Fabra, en Barcelono, komencis prilabori aŭtomatan tradukilon de la kataluna kaj de la hispana al esperanto. Sub la kunordigo de profesorino Núria Bel kaj kun la helpo de Kataluna Esperanto-Asocio kaj Prompsit, entrepreno de la esplorgrupo Transducens de la Universitato de Alakanto, skipo de lingvistoj ellaboros dum dek monatoj programaron per malferma kodo por aŭtomate traduki esperanten el tiuj du lingvoj.

el komunikilo de KEA

Estas ankaŭ menciinde, ke Luis Serrano Pérez kaj Santiago Torné Grau donis la aŭtor-rajtojn de sia vortaro kataluna-esperanta por la projekto.

## Radio Aktiva

Radio Aktiva estas reta radiokanalo kiu elsendas el Urugvajo dulingve (esperante kaj hispane) de antaŭ 8 monatoj. La programon konsistigas kursoj, intervjuoj, raportoj, ktp
http://radioaktiva.esperanto.org.uy/

# Kampardoma Renkontiĝo en junulargastejo San Fermín!

Post decido provi organizi ĉiujare iberan renkontiĝon marte, dum Kapeguja Renkontiĝo en Mataró en 2005 kaj la sukceseto de Atlantika Plonĝado en Areia Branca en 2006, ĉijare ( 9-10-11an de marto), ĝi estis sukcesego en Madrido.

Krom kelkaj komencaj organizaj problemoj ĉio iris tre bone.



En la kongresejo

Surprizige multaj homoj (ĉirkaŭ 75) partoprenis kaj ĉiuj ĝuis tre buntan kaj ja interesan programon (frukte de la kunlaboroj inter diversaj iberiaj asocioj) Komencantoj, kiuj kurioze abundis, povis ĉeesti amuzan kurson de Ferriol Macip, ludi kun Toño del Barrio kaj J. A. Del Castillo. Komencintoj povis aŭskulti prelegojn de Jorge Camacho, Toño del Barrio kaj Felix Lobo. Ĉiuj povis solvi siajn lingvajn dubojn kun António Martins, spekti filmojn subtekstigitajn en Esperanto de Xana, Alejandro kaj Miguel kaj Jose, admiri ekspozicion de Patricia Saco, viziti la urbon kaj kompreneble (eĉ ĉefe ni honeste diru)... kune amuziĝi.



Ekskurso tra la 'nekonata' Madrido, gvidata de Felix Lobo

Espereble ĉi tio estos, kvankam iom lama, plia paŝo por estigi fortan kunlaboron inter la diversaj asocioj de ĉi tiu ŝipo nia...ni remu kune .

Fotoj kaj pliaj informoj pri la renkontiĝo videblas en la paĝaro http://www.esperanto.es/iro2007/.

Mi profitas por gratuli kaj danki la lokajn organizantojn Miguel, Jose, Alvaro, Jorge kaj la tut-iberian 'kunordiganto' Farri! Tiuj esperantistoj kiuj ne partoprenis ĉijare.... ne mistrafu la venontan!

Xana

Fotoj: Joan Inglada

# Esperanto aludita en teatraĵo: Homebody/Kabul

Ekde 27a de februaro, ĉe *Teatro Español*, en Madrido estis prezentata teatraĵo kie esperanto havas ian rolon. Ĝia originala versio premieris en Novjorko la 5an de decembro de 2001, kiam la memoro pri la terorismaj atakoj kontraŭ la turoj estis tre freŝa. La verkisto, Tony Kushner komencis skribi la dramon antaŭ 3 jaroj. En 1998 li jam finis la unuan parton: *Home body*, konsistantan el monologo unu horon longa, kiu komenciĝas kiam virino en Londono legas malnovan turism-gazeton pri Afganio kaj imagas vojaĝon al tiu fora kaj mistera lando, provante forgesi sian propran malfeliĉon. Poste Kushner aldonis *Kabul*: la virino vojaĝas al Afganio kaj malaperas. Ŝiaj edzo kaj filino veturas al tiu lando por serĉi ŝin. Tony Kushner estas renoma usona aŭtoro kies plej fama kreaĵo estas *Angels in America*, kaj kunskribis la scenaron por la kinfilmo *Munich.*




La dramo montras la esencon de la historia kverelo inter Oriento kaj Okcidento kaj sentigas nin sub la haŭto de la kabulaj virinoj enburĥigitaj[1], sed ankaŭ sub la haŭto de ties netoleremaj talibaj[2] regantoj.

Krom la intrigo mem, la rakonto havas kelkajn nekutimaĵojn; ekzemple , la ĉeesto de afganaj roluloj ludataj de arab-devenaj akto-roj (marokanoj kaj alĝerianoj) estas tre surpriza! En la hispana versio, ĉiuj afganaj viraj roloj estas plenumataj de tiaj aktoroj kaj nur unu afgana rolulino estas ludata de hispana aktorino, kiu devas imiti la fremdan akĉenton. Do, lingvoj havas ankaŭ rolon en la intrigo! La originala angla lingvo estis anstataŭigita de la hispana, sed la cetero restas tia kia ĝi tekstas en la originalo: la afganaj roluloj parolas hispane (do, angle) kun akĉento, laŭ tre varia scipovo. Sed ankaŭ disvolviĝas scenoj parolataj en la paŝtuna (aŭ araba, surogate) lingvo, sen ia ajn traduk-helpo!

1 burĥo: Granda mantelo, tradicia de Afganio, kiu kovras la tutan korpon de virino inkludante la okulojn.

2 taliboj: Religia kaj politika movado ekstreme fundamentisma, kiuj regis Afganion de 1996 ĝis 2001.

Unu el la afganaj roluloj estas poeto taĝik-devena, kiu verkas esperantajn poemojn kaj deziras transdoni ilin al londona korespondanto. Kiam alia rolulo demandas kial li lernis esperanton, li respondas, ke ĝi estas lingvo sen ia historio pri perfortado aŭ subpremado malantaŭ ĝi.Tiu rolulo —la maĥramo, aŭ virin-akompananto— parolas kelkajn vortojn en esperanto, eĉ tutan poemon kiu tekstas:

*Sidante en la ĝardeno, mi aŭdis bruon.*
*Vidante ŝin en la ĝardeno, mi vokis al ŝi.*
*Vokite, ŝi tuj venis.*
*La tero estis tute kovrita de neĝo.*
*Sidante, atendante, mi aŭdis bruon*.

## Kiu inspiris al Kushner?

Post iom da demandado en ret-forumoj ni trovis respondon. La aŭtoro trovis sian inspiron en Hussain Mohammed Al-Amily, esperantisto, kiun la verkisto ekkonis en manifestacio pro la rajtoj de la enmigrintoj. Al-Amily estas maljuna komercisto loĝanta en Londono, kiu devis forfuĝi el sia lando, Irako. Li ankaŭ estas konata pro siaj libroj pri la araba kulturo. S-ro. Al-Amily vizitis Hispanion pasintjare, okaze de la Internacia Semajno pri Kulturo kaj Turismo okazinta en La Pineda (Legu Boletín n-ro 376), kaj poste iris al Toledo kaj al andaluziaj urboj.

Laste, sed ne balaste, ĉi tiu verko estas certe pozitiva propagando por nia lingvo. En la program-libreto estas klarigo pri esperanto kaj Madrida Esperanto-Liceo transdonis al la direkcio de *Teatro Español* flugfoliojn kiujn oni metis je dispono de la spektantoj.

Parto de la teksto estas prenita kaj adaptita el la blogo de Manuel Pancorbo www.bitakoro.blogdns.org

# “La lukto estas perdita”

La madrida pop-ensemblo LePunk havas kantaĵon en esperanto kun tiu titolo en la albumo “No disparen al pianista” La kanto temas pri la elreviĝo pro la malsukceso de utopioj ĝenerale.

Vi povas aŭkulti ilin ĉe www.myspace.com/lepunkmadrid



# Esperanto en vivprotokoloj de militistoj

Dum la pasinta jaro, kaj ankaŭ dum tiu ĉi, mi faris diversajn alvokojn profiti la tiel nomatan "Jaron de la Historia Memoro" por studi la historion de nia movado en la unuaj jardekoj de la pasinta jarcento, kaj utiligi tion ne nur por altigi la konon pri la spertoj de tiom da meritaj samlingvanoj kiuj jam forlasis nin, sed ankaŭ por informi pri Esperanto kaj la esperanta movado en eksteraj rondoj, fakaj kaj ĝeneralaj. La respondo ne estis ĉie varma, kaj mi provizore rezignis je la organizado de specifa projekto, ĝis kiam evidentiĝos ke la preteco por ĝi arigos sufiĉe da kunlaborantoj.

Por multaj, simple la afero historia ne estas sufiĉe interesa, kaj do ne necesas pliaj eksplikoj. Sed evidentiĝis ankaŭ ke ĉe aliaj la kaŭzo ne subteni la estigon de la projekto estas alia, kiun kelkaj amikoj malferme sciigis al mi: la malfido ke tiu projekto povu taŭgi por politikaj celoj, kiujn ili rifuzas aŭ timas, kaj specife ke ĝi fokusiĝu en la polemikojn ĉirkaŭ la hispana interna milito, kaj taŭgu por glorigi unu flankon de tiu ĉi, nome la malvenkintojn.

Mi sentas ian devon klarigi tiun ĉi kvazaŭriproĉon, kaj samtempe mi profitas por informi pri apero de Esperanto en rilato kun internaj esploroj de la armeo de la venkinta reĝimo. Se la unuaj argumentoj ne konvinkas malfidantojn, mi esperas ke almenaŭ la anekdoton vi taksos informiga.

Unue, mi agnosku, ke kiam mi traktis ĝis nun la periodon de la civila milito, kaj de la antaŭaj jaroj, mi pli funde dediĉis la atenton al homoj kaj organizaĵoj kiuj poste rilatis al la respublikana tendaro dum la milito. Tio okazis ankaŭ en la verkoj de aliaj samideanoj kiuj skribis pri tiu periodo, kiel Antonio Marco, Ulrich Lins, Xavier Margais, Jukio Hirai kaj aliaj, kaj havas du evidentajn eksplikojn. Unue, ke ili estis pli multnombraj, tutsimple. La alia, ke la plimulto da ili suferis je preskaŭ kompleta forgeso dum multaj jardekoj, kaj do restas pli da viveroj esplorindaj pri homoj pri kiuj ni nenion scias de tiu tempo, flanke de la familianoj aŭ de la fakuloj (la kazo pri Sidonio Pintado, pri kiu mi skribis en antaŭa numero de *Boletín* estas bona ekzemplo pri tio).

Sed mi ĉiam insistis en ĉiuj ĝeneralaj artikoloj, ke Esperanto estis kaj estas tre plurala movado, en kiu havas sian lokon homoj de plej diversaj ideologioj. Kaj ke specife en la periodo de la interna milito multaj esperantistoj –eble malplimulto, sed ĉiukaze sufiĉe grava nombro– elektis la flankon kiu venkis la militon (kaj kiun ni povus nomi *dekstrula*, *naciula* aŭ *frankista*: mi konscias pri la malfacilo elekti nomon sufiĉe neŭtran por ke neniu ofendiĝu). Specife en la komuniko kiun Lins kaj mi faris en la Kongreso pri la Intercivitana Milito en novembro, pri kiu informis pasinta numero de *Boletín*, ni dediĉis unu ĉapitron al la esperantistoj

en tiu ĉi flanko, kaj mi povas diri ke ĝi estas unu el la partoj kiuj vekis atenton de la aŭskultantoj, eble ĉar ankoraŭ en diversaj rondoj restas ia nebula bildo de Esperanto kiel tre ideologiita movado.

Kiel sciate, la hispanan movadon partoprenis kaj eĉ gvidis abundo da militistoj, kaj ekzistas pluraj atestoj ke tio mirigis alilandajn esperantistojn

En tiu ĉapitro, ni donis atenton unue al la tradicio de la uzo de Esperanto fare de katolikaj rondoj, kaj specife al la rolo de diversaj pastroj en la Esperanto-movado. Kiel estas konate, unu el la plej gravaj estis Joan Font i Giralt, kiu estis prezidanto de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (IKUE) dum la jaroj 1927 ĝis 1935, kaj kiu estis murdita de milicana grupo en la komenco de la batalado. Pretere, mi ne povas ne mencii ke la katolika Esperanto-movado en Hispanio ne posedas fundan historian esploron, kaj estas laŭ mi iom strange ke la nunaj movadanoj apenaŭ montris intereson por la plenigo de tiu ĉi vakuo.

La alia kolektivo kiu meritas esploron estas la militistoj. Kiel sciate, la hispanan movadon partoprenis kaj eĉ gvidis abundo da militistoj, kaj ekzistas pluraj atestoj ke tio mirigis alilandajn esperantistojn, ĉar tio estas tre karakteriza trajto de nia lando. Inter tiuj ni povas citi la nomojn de Julio Mangada, José Perogordo, Emilio Herrera, Vicente Inglada...

La hispanaj profesiaj militistoj dividis sian lojalecon en la komenco de la milito, kaj pluraj el la esperantistaj, kiel sciate, engaĝis sin por la respublikana flanko: Mangada, Herrera, Fernando Redondo, ktp. Sed aliaj estis favoraj al la naciula tendaro, kaj tio ankaŭ estas interese esplorinda. Krome, en tiu ĉi grupo, ni havas bonan lokon por serĉi informojn: la vivprotokolojn de la militistoj, kiujn la administracio gardas en siaj arĥivoj, kaj kiuj registras eĉ la plej etan detalon de la kariero de la koncernatoj.

## Esperanto en la protokoloj

Mi jam antaŭe havis la okazon konsulti la protokolon de kelkaj esperantistaj militistoj, inklude de Mangada kaj Herrera, en kiuj la aktivado rilate al Esperanto aperas dise en ilia karier-dokumento. En la kazo de Emilio Herrera, tio taŭgis eĉ por scii ke lia lernado de Esperanto estis multe pli frua ol oni antaŭe sciis, ĉar tiu cirkonstanco aperis en la fako lingvokonoj jam en tre fruaj jaroj. Ankaŭ estas interesa la kazo de Vicente Inglada, kiu, kiel sciate, ne ludis rolon aktivan dum la milito. Jam antaŭ sufiĉe da tempo mi havis la okazon konsulti ties protokolon, en kiuj la referencoj al Esperanto estas abundaj, ĉefe dum la unuaj jaroj. Laŭ la biografio ekzistanta pri li, li devis kaŝiĝi por eviti la persekutojn fare de la respublikanaj milicanoj, pro lia supozata simpatio al la dekstrula flanko. Mi tamen devas diri

ke laŭ la militista protolo, li estis retiriĝinta en 1931, profitante la leĝaron de la Respubliko celantan raciigi la strukturon de la supraj armeaj tavoloj, kio, kiel ni vidos, ankaŭ estis la kazo de aliaj de la esperantistaj militistoj.

En la lastaj monatoj, kaj iel spronate de la menciitaj kritikoj, mi petis la karierprotokolojn de la tri militistoj kiuj ludis pli aktivan rolon en la armeo de Franco dum la milito. Temas pri José Perogordo Camacho, Antonio Jiménez Mora kaj Ramón de Salas Bonal.

En la kazo de **Ramón de Salas**, pri kies aktivado kaj rolo en la plufunkciado de la grupo de Zaragozo (la ununura ne fermita en la naciula flanko dum la milito) plurfoje informis Antonio Marco, neniu mencio al Esperanto estas trovebla. La kaŭzo eble troviĝas en tio ke li forlasis la armeon en la jaro 1931, profitante la cititan leĝon. Lia ĉefa aktivado esperantista, inter kiu la prezidanteco de "Frateco" aŭ lia traduko de "Sango kaj sablo" de Vicente Blasco Ibáñez, okazis do post lia retiriĝo, kiam li verŝajne disponis je pli da libertempo, kaj do nenio troveblas en la militista arĥivo. Ankaŭ ne pri lia aktivado dum la milito, en kiu eble (tion mi ne povas konfirmi) ne restis tempo por ŝanĝi la burokratajn detalojn de lia ofickariero.

La mala kazo estas tiu de **José Perogordo**, en kiu Esperanto tre ofte aperas en la unuaj jaroj de lia kariero. De 1907 ĝis 1914 estas notitaj liaj vojaĝoj al Universalaj Kongresoj, en la unua jaro kiel liberpermeso, sed poste li ĉeestas kun oficiala karaktero, kiel reprezentanto de la hispana registaro. Krome, estas notataj kiel meritoj por la kariero, la instruado de kursoj, interalie en la Centra Universitato de Madrido (nun Complutense) kaj en la Ateneo de Madrido. La lasta noto en kiu Esperanto aperas estas de la jaro 1920, kiam li petis permeson por ĉeesti la Kongreson de Hago. En tiu tempo li plu aktivis en nia movado (la foto kiu akompanas tiun ĉi artikolon aperis kiel ĉefpaĝo de la revuo "Hispana Esperantisto" en julio 1917), sed lia rolo estis malpli unuaranga, kaj do nur tiu vojaĝo meritis enskribiĝon en la karieratestiloj.



José Perogordo

Ankaŭ Perogordo oficiale retiriĝis en 1931, kiam li jam estis generalo en la komenco de la milito, li reeniris la Armeon, en la "naciulaj" rangoj (mi

tradukas per tiu termino la vorto "nacional" kiu aperas en la dokumentoj). Li okupis postenojn en la arier-gardo, en teĥnikaj roloj en la aviado (kurioze, paralele al la roloj kiun disvolvis en la alia flanko lia kunulo Emilio Herrera). Post la milito li baldaŭ denove retiriĝis. Neniu aludo al Esperanto aperas en tiu periodo.

La lasta, kaj pli interesa, estas la kazo de **Antonio Jiménez Mora**. Dum la fino de la 20-aj kaj komenco de la 30-aj jaroj li estis tre aktiva en la esperanta movado, kaj estis motoro de la grupo en Oviedo. Tamen nenio aperas rilate al Esperanto en lia kariera protokolo, probable ĉar li ne bezonis specialajn permesojn por sia aktivado. La komenco de la milito trafis lin en norda Afriko, kie li oficis kiel juĝisto. Li pasigis tie la unuajn monatojn, kaj en novembro li estis destinita komandi taĉmenton de la Indiĝenaj Fortoj ("Regulares"), kaj en tiu rolo li disvolvis avangardajn frontajn militagojn en la ĉirkaŭoj de Madrido (ekzemple, li komandis la trupojn konkerintajn la Palaco de la Moncloa). Sed en lia protokolo aperas signifa epizodo: en 1938, dum la milito, li estis priesplorita fare de la armeaj aŭtoritatoj, por testi lian lojalecon al sia tendaro. Kiel sciate, la suspektoj pri la vera lojaleco de la armeanoj al la flanko en kiu ili deĵoris estis tre ĝeneralaj en ambaŭ flankoj, ĉar ne malabundis la kazoj en kiuj militistoj luktis en loko kontraŭa al siaj intencoj aŭ konvinkoj, simple ĉar la puĉo trafis ilin en la *malĝusta* loko. La suspektoj kontraŭ Jiménez Mora devenis el eblaj kontaktoj kun la framasonaro, kaj tion tre atentis la servoj de Franco, kiu, kiel konate, estis senspire malamika al tiu grupo.

En tiu enketado, Esperanto rolas sufiĉe rekte. Aperas kiel rezulto de la enketo ke "antaŭ oktobro de 1934 li estis ano de la partio Respublikana Maldekstro, kiun li forlasis pro la dekreto de julio de 1934 (kiu malpermesis la partianiĝon de militistoj), kaj ankaŭ membris en esperantista asocio, sen ke evidentiĝu ke li poste kunlaboros en grupo kiu poste formos parton de la Popola Fronto".

Laŭ la disvolvo de la posta kariero, evidentiĝas ke Jiménez Mora, kiu estis laŭrange majoro, povis daŭrigi sian karieron kaj siajn militagojn. Post la milito li okupis postenojn rilatajn al fiska Justico en diversaj provincoj. Li retiriĝis en 1954.

Laŭ la enketo, oni povas do konstati ke ja Esperanto estis iel konektita al diversaj suspektaj movadoj en la menso de la juĝistoj de la dekstrula flanko. Tamen, oni neniel povas konkludi ke ĝi taŭgis kiel akuzilo, almenaŭ en la kazo de Jiménez Mora, ĉar lia ligiteco al nia lingvo estis sufiĉe konata de tiuj instancoj, kaj ne estis rekte riproĉita en la esplorado. Kiel atestis por ni Antonio Marco, Jiménez Mora eĉ klopodis persvadi siajn superulojn por

ke Esperanto estu uzita ankaŭ por kontraŭpezi la propagandon de la respublikanaj rondoj. Sed li fiaskis en la klopodo: oni povas ja diri ke Esperanto ne estis tute danĝera lingvo por la juĝistoj, sed probable ne estis simpatia por la superaj rangoj de la nova reĝimo.

Kiel la legantoj jam scias, post la milito la esperanta movado suferis gravan stagnon, ŝulditan ankaŭ al la materiaj kondiĉoj de la postmilita socio. Iom post iom ĝi revigliĝis, kaj en tiu renaskiĝo ludis rolon homoj de ĉiuj politikaj tendencoj, kompreneble ankaŭ de la venkintoj. Pluraj el ili feliĉe ankoraŭ vivas kaj aktivas. Ramón de Salas forpasis dum la milito; Perogordo kaj Jiménez Mora aktivis malpli vigle sed, ĉefe la lasta, ne forlasis komplete siajn kontaktojn kun la movado.

La posta historio estas pli konata, ĉefe pere de la unuaj numeroj de tiu ĉi gazeto, *Boletín*, kaj per la verkoj de Antonio Marco. Ke ni pli atentis aliajn homojn ŝuldiĝas ankaŭ al la kompenso por la relativa forgeso dum multaj jaroj. Sed tio ne signifas ke ni malatentas la homojn kiuj restis aktivaj dum la postmilitaj jaroj. Ili ja meritas nian atenton kaj ĉefe nian solidarecon pro la malfacilaĵoj kiujn ili devis suferi dum tiuj jaroj. Kompreneble ankaŭ ilin celis nia projekto.

José Antonio del Barrio




Karto sendita de Vicente Inglada, alia militista esperantisto, kvankam li ne luktis en la milito. Pliaj informoj estas en Boletín n-ro 364 .

## Japanoj deziras korespondi

Koresponda Servo de Japana Esperanto-Instituto (JEI) peras korespondadon inter japanoj kaj alilandaj korespond-dezirantoj. Bonvolu aldoni vian aĝon, sekson, profesion, interesojn kaj preferojn por faciligi la laboron.

Koresponda servo de Japana Esperanto-Instiuto
Sinzyuku-ku, Waseda-mati 12-3
Tokio, Japanio



# Prahistorio de Fondaĵo Esperanto

Eklerninte Esperanton fine de la jaro 1934, mi, la subskribinto, komencis aktivi en ĝia enlanda movado jam la sekvantan jaron, kio ebligis al mi iom post iom kontakti, kaj eĉ amikiĝi, kun pluraj esperantistoj en- kaj ekster-urbaj. El la unuaj mi volas precipe distingigi, en tiu ĉi kunlaboraĵo, k-don Petro Casanovas Manent, longatempan aktivulon en la proleta Esperanto-movado de la kataluna urbo Sabadell, kie li, proksimume la jaron 1931, mem fondis delegacion de SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda), kaj reliefe kunlaboris en la tiutempe tre aktiva Barcelona organizacio PUIL, Proletesperantista Unio de Iber-Amerikaj Landoj. K-do Petro Casanovas Manent, kelkafoje skribe uzanta sian pseŭdonimon Ballaruk, ĉiam vigle alternigis sian efikan kontribuon ne nur en la tiel nomata neŭtrala Esperanto-movado, sed ankaŭ en tiu proletesperantisma de la menciita organizacio PUIL, kie liaj intimaj amikoj s-ano Mikaelo Sender Brota kaj d-ro Jozefo Borrell Soldevila, ambaŭ el Barcelono, okupis gravajn postenojn.

Freŝe restas en mia memoro tiu trio, kun kiu mi ofte kontaktis precipe en la periodo post nia intercivitana milito. K-do Ballaruk daŭre min vizitis hejme kaj eĉ ĝentile nomis mian ŝuriparistan butikon, en kiu ĉiuhore mi deĵoris pro panakira laborado, la esperantista renkontejo de Sabadell, manke de lokalo por la tiutempa ankoraŭ ne renaskiĝinta Esperanto-klubo loka.

Ĉar en tiu postmilita periodo, ekde la jaro 1939, la katalunaj esperantistoj diversurbaj kutimis daŭre sin renkonti en Barcelono, cele interparoli pri la revigligo de la Esperanto-movado, ofte ankaŭ inter la kunvenantoj troviĝis s-ano Mikaelo Sender Brota, tiam ĵusa HEF-membro, kies intervenoj ĉiam baziĝis sur la sama argumento, laŭ kiu por serioza progresigo de Esperanto nepre necesus starigi fondaĵon kun laŭeble plej sufiĉa kapitalo. Ja tiun lian ideon ĉiuj trovis bona, sed la sukceson de ĝia realigo oni kalkulis ne atingebla...

Nu, la senlaca s-ano Sender ne malesperis, sed plu multiplikis sian agadon serĉe de altruismaj kontribuantoj por sia ideala fondaĵo. Tiucele, li ofte kontaktis kun pluraj gesamideanoj diversurbaj, precipe el Sabadell, en kiu urbo li plurfoje vizitis mian ŝuriparistan butikon, por amike komentarii siajn demarŝojn rilatajn al tiu lia revata fondaĵo.

Feliĉe li fine sukcesis varbi por tiu sia ĝis tiam utopia projekto s-rinon Eliza Ferrándiz, tiutempe jam vidvino de lia bedaŭrata amiko Petro Casanovas Manent. Ŝi, memore al sia forpasinta edzo, mecenatece destinis konsiderindan monsumon, kune kun tre valora tereno en Barcelono, kiel altruisman donacon al la ekde tiam fariĝinta serioza projekto de “Fondaĵo Esperanto”.

Aparte gravan taskon en la fina oficialigo de "Fondaĵo Esperanto" oni ŝuldas al tiutempa prezidanto de HEF (Hispana Esperanto-Federacio), d-ro Mikaelo Sancho Izquierdo, danke al kies efikaj demarŝoj oni sukcesis oficiale starigi ĝin en Zaragozo la jaron 1969, kiel kulturan societon "bonfaran-docentan".

Ekde tiam, nome de tiu grava HEF-institucio, kia fakte estas la menciita "Fondaĵo Esperanto", nuntempe diligente gvidata de ĝia direktoro Antono del Barrio, kaj inter aliaj lerte zorgata de s-anoj Marco Botella kaj Ortiz Gratal, en Zaragozo, ĝia direkcio jam tre pozitive aktivadas, precipe subvencie al diversaj aranĝoj rilataj al la hispana Esperanto-movado. Speciale distingindan mencion meritas, pro sia efike oportuna takto s-ano J. Mª Galofré, tiama HEF-vicprezidanto, danke al kies demarŝoj ĉe Barcelona advokato, "Fondaĵo Esperanto" fine povis ricevi la heredaĵon de SAT-ano Ballaruk, el Sabadell.

Vincente Hernández Llusera

# Kongreso de SAT

Okazos tiun ĉi jaron en la ĉirkaŭaĵo de Parizo, inter la 21-a kaj la 28-a de julio 2007

Dume, okazos socia forumo, kun diskutoj interalie pri:

- Amasmedioj kaj informo-manipulado
- Enmigrado
- Semo-produktado kaj -uzado.
- Liberaj programoj kaj intelekta posedorajto
- Malarmado
- Spertoj en la pasinta MSF en Najrobo, socipolitika situacio en Tanzanio.
- Personoj en handikapiga situacio.

Ankaŭ estas planata bela progr-amo de interesaj ekskursoj, laŭ historia, kultura kaj socia vidpunkto kaj infankongreseto sub kompetenta prizorgado kiu ebligos serenan partoprenon de gepatroj.
http://www.satesperanto.org/

Por pliaj informoj, skribu al SATeH: esperanto@nodo50.org




Kiel oni helpu finance la movadon?

Jen la respondo:
Kontribuu pere de

Iber-Caja
2085-0101-13-0128624762
La Caixa
2100-2149-31-0100165085

# La tutmonda varmigo de la terglobo

La klimatŝanĝo estas vera realaĵo laŭ la lastaj informoj de la sciencistoj, kiuj avertas pri la bezono preni konscion pri ĝi kaj agi private, nacie kaj internacie, ĉar la batalon kontraŭ ĝi, nur oni povas gajni je tutmonda nivelo.

Verdire laŭlonge de la historio de nia planedo la klimato suferis signifajn ŝanĝojn, kaŭzitaj de diversaj naturaj fenomenoj kiuj dum la lastaj 400.000 jaroj kaŭzis la alternon de glaciaj kaj varmegaj periodoj, tamen, dum la lastaj 8.000 jaroj la klimato daŭre estis malpli malvarma kaj sufiĉe stabila, kreante la necesajn kondiĉojn por la evoluo de homaj socioj. En nia plej proksima historio, oni konsideras ke ekde la komenco de la 20-a jarcento kaj speciale dum la 70 jardeko, la temperaturo de nia planedo plialtiĝis 0,6ºC. Ĉifoje tiu klimatsanĝo ne havas naturajn kaŭzojn, sed estas la homa agado kiu kulpas pri tiu fenomeno. Ni povas pensi ke 0,6ºC laŭlonge de kelkaj jaroj ne estas tro. Tamen, tiu plialtigo de la temperaturo ne estas egala en ĉiu angulo de la planedo. Por ekzemplo, en la ibera duoninsulo la plialtigo estis pli ol la duoblo de la averaĝo, proksimume 1,5ºC en la lastaj tridek jaroj, dum en aliaj punktoj ĝi atingis alian kvanton . Pro tio, por la ekologiistoj, studante la klimaton kaj la vivon sur la tero, la plialtiĝo je unu centígrada grado dum jarcento estas grava fenomeno, kiu en Eŭropo ne estis konata simile dum la 5.000 lastaj jaroj.




Bildo el Vikipedio

La nuna klimatŝanĝo estas konsekvenco de la poluado de la atmosfero, kiu kaŭzata de nia industria vivmaniero, kunportas inter aliaj konsekvencoj, la t.n. *acidan pluvon,* tio estas, la acidigo de la grundoj, de la arbaroj, de la monumentoj ktp, la *reduktado de la ozontavolo*, kun la malsanoj por la homoj kaj vivantaj estaĵoj, kaj la *varmigo de nia planedo.*

Fakte, unu el la plej gravaj konsekvencoj de tiu klimatŝanĝo estas la **varmiĝo de la terglobo**, la t.n. forcejefiko**,** kiu ne nur influas en la floro, faŭno, naturaj estaĵoj, la oceanoj, sed eĉ en la sano de la personoj, per tre diversaj malsanoj, kiuj ankaŭ povas konduki al la morto, ĝi povas provoki militojn, inundojn pro la altiĝo de la marnivelo, kaj per malsato, la migradon de amasoj da personoj kaj rifuĝontoj. La analizo de la atmosfera aero fare de la sciencistoj alportas al ni tre klarajn rezultojn: estas serio da nocaj gasoj, inter ili la CO2, la metano, la nitra oksido ktp. Krome,

ankaŭ okazas la senarbarigo kaj la bruligado de fosiliaj brulaĵoj kiuj progresive koncentriĝas nun en la atmosfero kun la menciitaj konsekvencoj.



Poluanta fabriko (Vikipedio)

Internaciskale, la unua respondo al tiu problemo estis en 1989, laŭ Rezolucio de la Ĝenerala Asembleo de la U.N. la Tutmonda Konferenco pri la Klimato kaj sekve, la *Konvencio-kadro de Unuiĝintaj Nacioj pri la Klimatŝanĝo*, de 16-julio 1992, rezultinte de la Konferenco de U.N. pri Medio kaj Evoluo okazinta en Río de Janeiro (Brazilo), ankaŭ konata kiel la "Tera pintkunsido" pro la fakto ke reprezentantoj de la tuta terglobo ĉeestis, kiuj agnoskas ke la klimato estas komuna havaĵo de la homaro, kiu eblas esti ŝanĝita per la malsaĝa homa agado, kaj fiksas la celon stabiligi la liveradon de nocaj gasoj en la atmosferon. En tiu Konferenco oni kreis *komisionon pri Daŭropova Evoluigo*, laŭ specifa informo pri Medio kaj Evoluo gvidate de S-rino Brundtland, por gardi la medion en bona stato por la nunaj kaj estontaj generacioj. En tiu senco, oni difinas la daŭropovan evoluigon kiel *tiu kiu plenumas la nunajn bezonojn de la homaro, sen limigi la bezonojn de la estontaj generacioj plenumi la siajn*. Tiu grava raporto unuafoje atentigas pri la bezono de la homaro ŝanĝi la vivmanieron kaj la komercajn interrilatojn por ne havi estonte malsaton kaj suferadon pro la ekología damaĝo.

La Eŭropa Komunumo, kiel Internacia Organizo, partoprenis en tiu Konferenco de Rio de Janeiro kaj subskribis tiun konvencion, situante sin unuarange en la batalo kontraŭ la klimatŝanĝo kaj inkludante tiujn normojn ene de ĝian 5-an kaj 6-an programojn je la komunuma político pri medioprotektado, kun la celo redukti la nozajn liverojn je 8% dum la periodo 2008-2012 rilate la nivelojn de 1990.

Poste, la membroŝtatoj en la Konvencio pri la klimatŝanĝo kunsidis en Kyoto (Japanio) en decembro 1997 kaj oni subskribis la nomatan *Protokolo de Kyoto* ratifita de la Eŭropa Unio (E.U) kaj de multaj ŝtatoj escepte de Usono kaj Australio, kiu, fine, per la ratifo de Rusio ekvalidiĝis la 16-an de februaro 2005. Tiu ĉi Protokolo havas la samajn principojn de la Konvencio, sed antaŭvidas normojn por faciligi la limigon kaj redukton de nozaj gasoj kaj faciligi la dauropovan evoluigon. La

celoj de tiu Protokolo estas malsimilaj por la evoluintaj landoj kaj por landoj survoje al libermerkata ekonomio, rilate al la evoluantaj landoj. La fakto ke la Protokolo ne limigas la liveradon de gasoj kun forceja efiko al la evoluantaj landoj, estis polemika temo, pensante ĉefe en landoj kiel Indio kaj Ĉinio, kun granda nombro da loĝantoj kaj kun evoluantaj ekonomioj.

La Eŭropa Unio, kiel dirite, ratifis la Protokolon la 31-a de majo 2002, kaj de tiam ĝi prenis la torĉon plenumi ĝiajn celon , kvankam kelkaj el iliaj membroŝtatoj povos pligrandigi la liveradonjn de tiuj gasoj, dum aliaj devos redukti ilin, ene de la flekseblaj meĥanismoj fiksitaj en la Protokolo, kiel estas la komerco de la dissendoj de gasoj.

Lastatempe, en februaro 2007, Hispanio aprobis la nacian planon pri komerco de la rajtoj de liveroj por la periodo 2008-2012 je 152,3 milionoj da tunoj de CO2, kiun aprobis la Eŭropa Komisiono, ĉiam en la agmetodo fiksita de la Eŭropa Unio por plenumi la Protokolon de Kyoto. Fakte, la E.U. dum la Eŭropa Konsilio (pintkunsido de la ŝtatestroj aŭ ĉefregistarestroj) de marto 2007, akceptis la malpliigon de la liveradoj de CO2 po 20% antaŭ 2020 kaj atingi, se estas eble, la 60% aŭ 80% en 2050, Tiu grava klopodo estas necesa por eviti la plivarmiĝon de la planedo je 2ºC.

Kun tiu sama celo, en Bruselo kunsidis pli ol 2000 sciencistoj kaj diplomatoj de 120 landoj kiuj konsistigas la t.n. *“ Interŝtatan Komisionon pri la Klimatŝanĝo” de la Unuiĝintaj Nacioj* , kiu en la pasintan aprilon prezentis rigoran informon pri tiu temo, klarigante ke la tutmonda varmigo kreiĝas pro la amaso da nocaj gasoj en la atmosfero, kaj kiu dum aprilo ankaŭ prezentis planon por gvidi la tutmondajn registarestrojn en iliaj agadoj por la venontaj jardekoj. La celo, kiel dirite estas limigi la tergloban varmigon ĝis 2 º kaj por tio estas necese preni gravajn agadojn ĝis 2020 kaj poste.

Sed la problemo, laŭ la sciencistoj estas pli grava ol pensite, kaj pro tio, unuafoje en ĝia historio, **la Konsilio pri Sekureco de la Unuiĝintaj Nacioj** traktis la temon kiel *ebla minaco por la paco kaj internacia sekureco,* timante la riskon de novaj militoj kaj amasaj migradoj pro la manko da akvo kaj energio, pro gravaj inundoj, bruligado, senarbarigoktp. Fakte jam nun en la mondo okazas multaj konfliktoj pro manko da akvo, la tiel nomataj, verdaj konfliktoj. La ĉimonata Prezidanto de la Konsilio pri Sekureco de la U.N., ambasadoro de Britio en UN, S-ro Jones Parry, anoncis specialan kunsidon pri tiu temo dirante ke tio “*estas unu el la grandaj defioj de la tuta mondo por la nuna jarcento”*.

Kiel oni antaŭvidas, la temoj de la kunsido rilatantaj al laklimatŝanĝoj kiuj povas tuŝi la tutmondan sekurecon, estos: limkonfliktoj, migradoj, manko de energio, akvo kaj alimentoj, sociaj

problemoj kaj humanaj krizoj.

Tiu grava kunsido okazas dum du semajnoj en la sidejo de la U.N. kun la ĉeesto de la brita Ministrino pri Eksteraj Rilatoj S-ino Beckett, kiu invitis ĉiujn ministrojn pri eksteraj aferoj de la 15 membroj de la Sekureca Konsilio. Certe la kunsido finos sen deviga teksto, ĉar la posicioj estas tre diversaj, kaj la kvin konstantaj membroj de ĉi tiu Konsilio estas inter la landoj kiuj plej polucias la atmosferon.

Do, la problemo estas antaŭ ni kaj ni esperas ke la lastaj decidoj prenitaj taŭgos por ke la propra difino de daŭropova evoluigo estu efektigebla, tio estas, ke la nuna generacio estu kapabla limigi la liveradon de nocaj gasoj al la atmosfero por ke la estontaj generacioj povu ĝui sufiĉe bonan atmosferon.

Ĉu la ŝtatoj kaj ni mem estos kapablaj ŝanĝi niajn industriajn metodojn kaj vivmanieron favore al pli pura atmosfero?

D-rino Mª.Rafaela Urueña



Nia planedo de la spacoŝipo Apollo 17a

# Paralela vivo




*Second Life* (esperante: dua vivo) estas tri-dimensia imaga mondo en la Reto kiu simulas socion. Tiu programo proponas al uzantoj (aŭ loĝ-antoj) loĝi en virtuala urbo kie eblas interreagi kun la medio kaj aliaj loĝantoj. Baza partopreno estas senpaga, kvamkam eblas aĉeti linden-dolarojn (la propra monunuo) kontraŭ reala mono kaj akiri terenon, konstrui aŭ aĉetumi

La furoro pri tiu ludo ankaŭ atingis esperantistojn. Ekzist-as jam grupo de parolantoj kaj virtuala parko dediĉita al nia lingvo, kun eta muzeo, scenejo kaj benkoj por babili.

Resume, tiu komunumo estas alternativa maniero renkontiĝi kaj eĉ nova ŝanco propagandi. Ni adaptiĝu al la novaj tempoj.

www.secondlife.com

E-Planedo

Enhavas la plej novajn afiŝojn el pluraj blogoj de esperantistoj tra la mondo.

http://e-planedo.kerno.org/



## Memore

Inter 120 reprezentantoj de diversaj ŝtatoj kaj instancoj en la ceremonio dum la memortago de la Holokaŭsto la 16-an de aprilo estis ankaŭ reprezentantoj de Esperanto.

La israelaj esperantistoj partoprenis la malfermon de la memortago en "Placo de la Varsovia Getto" en muzeo de Holokaŭsto en Jerusalemo, Jad-Vaŝem, kaj poste metis florbukedon nome de Esperanto-Ligo en Israelo kaj la Universala Esperanto-Asocio. Oni voĉlegis la nomojn de la membroj de la familio Zamenhof kiuj pereis en la Holokaŭsto.

liberafolio.org

## Britaj infanoj lernas esperanton

En la lernejo Bar Hill de Kombriĝo, pli lo 100 infanoj, inter 6 kaj 9 jaraĝaj, lernas esperanton dank'al la nova projekto S*pringboard to languages* "Lingvolanĉilo" . Estas celita, ke esperanto utilos por faciligi lernadon de aliaj lingvoj. Oni planas ke la ekstera esperanto-instruisto retiriĝu por ke lokaj instruistoj prenu la taskon.

## Post Gerda venas..."La Patro"

La kreintoj de la filmo "Gerda Mal-aperis" Estas kreante alian filmon kiun espereble oni prezentos en la Universala Kongreso de Jokohamo. La intrigo estas bazita sur japana rakonto.

## Esperantistoj pro la okcitana

Esperantistoj ĉeestis en manifestacio pro la okcitada lingvo, okazinta en Besièrs (Francio). Nuntempe, la okcitana ne havas oficialan ŝtatan agnoskon en Francio. 5 esperanto-organizaĵoj de tiu lando subtenis la iniciaton, al kiuj aldoniĝis multnombraj katalunoj reprezentataj de KEA. Krome, budeto estis starigita por propagandi pri esperanto.



Ankaŭ videblis kelkaj katalunaj flagoj apud la okcitanaj.




Esperantistoj profitis la okazon prezenti esperanton kiel rimedo por la protektado de lingvoj.

Fotoj: Sylvie Roques

## Studsesio En Bydgoszcz

Dum la semajno el la 24a al la 26a de marto, en la lernejo Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo de la pola urbo Bydgoszcz,okazas stud- kaj ekzamensesio de la lernojaro 2006/2007.

Kiel oni scias, la oficiala lingvo de tiu lernejo estas Esperanto. En tiu lingvo okazas la plej granda parto de la tuta instruado.

La sesion partoprenas la gestudentoj (ĉirkaŭ cent), el multaj diversaj landoj, kiel Albanio, Uzbekistano, Japanio, Ĉinio, Brazilo, Senegalio, Kamerunio, Tanzanio, Mongolio, Zimbavo, Kenio, Pollando, ktp.



La Gestudentoj

La profesoroj kaj prelegantoj estas ankaŭ el diversaj landoj, kiel Bojidar Leonov (Bulgario), Mirka Korniluk (Pollando) Marcel Delforge (Belgio), Mara Timermane (Latvio), Andrzej Korniluk (Pollando), Augusto Casquero (Hispanio), Regina Grzebowska (Litovio), Remigiusz Mielczarek (Pollando), Xu Xiao Nan (Ĉinio), Abraham Langoume (Senegalio).

Fine de la sesio okazos la ekzameno, en kiu la gelernantoj devas prezenti kaj defendi siajn diplomverkoj, verkitaj kaj defenditaj tute en Esperanto. La gestudentoj de la tria jaro bakalaŭriĝas, kaj atingas la ŝtatan polan diplomon.

Augusto Casquero

## Du e-lernejoj el malproksimaj landoj rete ligitaj

Vendrede, la 30-an de marto, du malsamaj lernejoj, kie oni instruas E-on, el du malproksimaj landoj, Ĉinio kaj Pollando, havis retan babiladon inter la gelernantoj el tiuj lernejoj.

Ĉe unu flanko troviĝis ĉina lernejo, kie instruas Esperanton la franca esperantisto, nun loĝanta tie, Michel Fontaine, kaj la ĉina Neĝeta.

Ĉe la pola flanko troviĝis 3 gestudentoj de la Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo de Bydgoszcz (Pollando). Ili estis Abdulaye Faye (Senegalio), Xu Xiao Nan (Ĉinio), kaj Abraham Langoume (Senegalio). Ankaŭ partoprenis Augusto Casquero (Hispanio), profesoro tie.

Je la 8a matene en Pollando, 14a postagmeze en Ĉinio, komenciĝis tiu

internacia babilado, pere de la komputila programo Skype.

La tuto estis lerte kaj vigle (kaj amuze) direktita de Michel Fontain kaj Neĝeta.

En la ĉina flanko la gestudentoj povis rigardi ĉion en granda ekrano. La programo estis samtempe elsendita de ĉina Televido.La ĉinaj gestudentoj (du grupoj, unu el ili geknaboj, kaj la alia infanoj) estis ege ravitaj de la parolado kun la esperantistoj de la pola flanko. Ili samtempe povis paroli kaj aŭskulti, kaj ĉion vidi pere de video-kamerao.

Helpe de la traduko kaj klarigoj de iliaj profesoroj, la ĉinaj gestudentoj demandis, respondis, informis pri si mem, salutis.

Tiu sperto montris al ĉiuj la utliecon de Esperanto por la internaciaj kontaktoj. Espereble oni ripetos tiujn kontaktojn alifoje. Fine, ĉiu restis ege entuziasmaj, kontentaj, kaj dezirante plu lerni nian internacian lingvon.

Jam en Valencio(Hispanio), en kurseto de Esperanto, kiu okazis dum januaro kaj februaro, oni uzis tiun eblecon. Dum la unua klaso la gestudentoj povis ĝui la kontakton pere de Skype kun la ĉina samideanino Xu Xiao Nan. Ŝi, plej afable, akceptis partopreni, kvankam en Ĉinio estis la 3a matene. La novaj gestudentoj restis ege ravitaj pro la belega uzo de Esperanto pere de Xiao Xiao (karecnomo) kaj pro ŝia granda ĉarmo. Sekvontfoje la kontakto estis kun la brazila amiko Leandro Souza. Poste la kontakto estis kun Pollando, kun la partopreno de la senegalaj studentoj Abraham Langoume, Ibra Faye kaj Abdulye Faye. La sekvonta kontakto estis kun Michel Fontain, en ĉinio. Poste kun Andrzej Korniluk (Pollando). Ĉiuj restis ege entuzasmitaj, dezirante daŭrigi tiujn retajn kontaktojn, kaj kun la deziro rapide lerni bone Esperanton, por uzi tiun eblecon kontakti homojn el la tuta mondo.

Ni ne devas heziti profiti je tiuj ege utilaj teknologioj.

Aldone vi povas rigardi foton, farita dum la Zamenhofa Tago, decembre 2006., okazinta en Bialistoko (Pollando). Maldekstre videblas Leandro Souza (Brazilo), Xu Xiao Nan (ĉinio), Augusto Casquero (Hispanio), Gosia Sulecka (Pollando) kaj Abraham Langoume (Senegalio) kiuj tien veturis kvinope.

Augusto Casquero




Augusto kun e-lernantoj en Pollando

# Internacia Semajno de la Kulturo kaj Turismo

De la 29a de de septembro ĝis la 6a de oktobro oni organizos en Tossa de Mar (Katalunio) tutan semajnon da esperant-lingvaj aktivaĵoj.

Estas konfirmitaj prelegoj, inter aliaj, de Pere Navarro-Rosines, profesoro pri botaniko pri "Evoluo de la Homaro. Vojaĝo tra la tempo de niaj praulo j" kaj Ives Eeckhout el Belgio pri "Birdoj, kial, kiel, kie kaj kiam observi kaj rekoni ilin? Prelegos ankaŭ la redaktisto de la revuo "Esperanto" de UEA, Stano Marĉek

www.personales .ya.com/semajno
Luis serrano Apart 423 ES-08200 Sabadell, Hispanio



## Premio Ada Sikorska Fighiera

La proponoj por la Premio devas esti alsenditaj de loka, nacia aŭ internacia E-Grupo, Klubo, Organizo, Socio aŭ esperantisto antaŭ la 15an de aŭgusto, al la prezidanto de la premia komisiono: G.C. Fighiera: giancarlo.fighiera@libero.it

## Junulara kunveno

HEJS invitas ĉiujn siajn membrojn (kaj ĝenerale ĉiujn junulojn) al sia Ĝenerala Kunsido kiu okazos en la 66a Hispana Kongreso de Esperanto.

Unu el la problemoj de nia junulara e-movado, estas certe manko de organizo. Malofte unu grupo komunikas kun la aliaj. Certe estas multaj homoj kun emo aktivi kaj kunlabori,sed tiuj streboj povas perdiĝi se mankas bona kunagado.

Unu el niaj celoj estas difini la rolon de HEJS (junulara sekcio de HEF).Ĉu ĝi devus kunordigi la agadon je landa skalo? Kiel ĝi devas financi sin? Necesas ankaŭ elekti estraron kaj respondeculojn pri diversaj projektoj, ekzemple, kiu peras inter HEJS kaj aliaj grupoj.

Ni invitas vin partopreni en la forumo kaj komenci la diskutadon: www.esperanto.es/joven




La neniam oficiala (kaj kelkfoje polemika) simbolo de HEJS

# Aliĝilo por la Hispana Kaj Andaluza Kongreso

Nomo kaj familia nomo:________________________________________

Stratadreso: _____________________________________________________

Urbo / loĝloko ____________________________________________________

Poŝtkodo ___________ Retadreso ________________________________

Telefono ________________Fakso ________________________

**1.- Elektu vian kotizon**: (eŭroj)

A) *Baza kotizo* 35

B) *Rabatoj*:

- Juna kotizo (malpli ol 25 jaroj) 5
- Membro de HEF aŭ AEU 5
- Aliĝo antaŭ la 15a de junio 5
- Grupa aliĝo (10 aŭ pliaj homoj) 5

C) *Plialtiĝoj*:

- Aliĝo de la 16a ĝis la 30a junio 5
- Aliĝo post la 30a de junio 10

NOTO: Oni povas akumuli maksimume 3 rabatojn. La minimuma kotizo estas 20 eŭroj.

**2.- Decidu ĉu vi tranoktos en la kongresa Restadejo**.

Prezo de la tranoktado en la Junulara Restadejo dum la noktoj de la 5a, 6a kaj 7a de julio (kio inkludas ankaŭ la matenmanĝon de la 6a, 7a kaj 8a de julio) = 45 eŭroj

3.- Kalkulu la kotizo-kvanton.

4.- Pagu la kotizon en unu el jenaj bankokontoj:

Caja Granada : 2031 0225 54 0100187657

BBVA : 0182 4106 71 0207160717

NOTO: Nepre indiku en la pagilo “Kongreso Palos” kaj la nomon de la paginto.

5.- Post la pago en la banko, sendu al ni ĉi tiun Aliĝilon perpoŝte al: Asociación Andaluza de Esperanto, calle Anfora, 6 5º D, 29013 Málaga, aŭ sendu mesaĝon al: kotizoj@esperanto-andalucia.org indikante viajn nomon/adreson, kotizon pagitan, kaj Restadejon elektitan. Oni enretigos la liston de aliĝintoj kaj iliaj matrikulajn numerojn. Tiel vi povos certiĝi pri via korekta aliĝo.

NOTO: La organizantoj nur faras la rezervojn de la Junulara Restadejo. Por rezervi ĉambrojn en hoteloj, la interesitoj kontaktu rekte kun la hoteloj en Palos de la Frontera:

- Hotel La Pinta ** Telefono 959350511. Prezoj: Individua ĉambro = 25,72 eŭroj/nokto; Duobla ĉambro por duobla uzo = 51,45 eŭroj/nokto; Triobla ĉambro = 64,32 eŭroj/nokto.
- Hotel La Rábida ** Telefono 959530080. Prezoj: Individua ĉambro = 36,38 eŭroj/nokto; Duobla ĉambro por duobla uzo = 64,20 eŭroj/nokto; Triobla ĉambro = 96,30 eŭroj/nokto

# Ĉefaj programeroj:

Asembleo de HEF.
Junulara Kunveno
Junularaj programeroj
Ludado pri iluziismo.
Omaĝo al Alfonso Escamilla (jaena esperantisto 94-jaraĝa)

**Kursetoj.**
Transitiveco kaj netransitiveco de la verbo en esperanto)
Uzo de la refleksiva SIA)
Kunmetitaj verbformoj en esperanto).
Ekzameno pri esperanto kaj disdono de diplomoj al trapasintoj.

**Prezentoj:**
Nova vortaro de Gutiérrez Adúriz.
Traduko "Platero kaj mi"

**Kulturaj vizitoj**
Vizito al ekspozicio de ceramikaĵŝoj
Vidindaĵoj de la urbeto: (La Rábida, Kolumbaj Lokoj…)

**Muziko**
Muzik-konzerto de SOLO
Muzik-konzerto de Jomart kaj Natasha



Jomart kaj Natasha

# Curso de ESPERANTO a distancia




libro de texto

*Esperanto, curso del idioma internacional*

+CD de audio

+libro de consulta

*El esperanto: fenómeno de la comunicación*

+diccionario

*Lexicón Sopena*

**18** lecciones
por correo electrónico
o... pos... tal... ;-)

tutorías
a tu disposición:
por teléfono,
correo postal
o electrónico




...y un *estupendo* certificado

todo por sólo 50’00 EUR




**Federación Española de Esperanto**
914 468 079
Rodríguez San Pedro 13-3º-7
ES-28015 Madrid
info@esperanto.es
www.esperanto.es

**¿Y tú a qué esperas?**

Lokaj grupoj bv. fotokopii kaj disdoni.